2.ª Ep. AÑO XI N.º 61 (197) MAYO - JUNIO 1973




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# MADRID KONGRESURBO POR 1973




Puerta del Sol

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA


*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Arturo Soria, 192, 3.º - D
MADRID-17
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6
Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## HISPANA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

### (SEKCIO DE H. E. F.)

En la numero de BOLETIN, novembro-decembro 1972, oni anoncis la okazigon de la 26ª Internacia Fervojista Kongreso de Esperanto en Tarragona.

La Kongreso okazos de la 11-a ĝis la 17-a de majo 1974.

La Loka Kongresa Komitato komencis vere sukcese, la oportunajn demarŝojn antaŭ la aŭtoritatuloj kaj oficialaj instancoj de Tarragona. La organiza kapablo de la L.K.K. kaj la beleco de la kongresurbo antaŭvidigas grandan sukceson por la Kongreso kaj agrablan restadon de la kongresistoj en tiu mediteranea urbo.

### LOKA KONGRESA KOMITATO

Prezidanto. — Ramón Giménez
Sekretario. — Rafael Devís
Kasisto. — Santiago Vidal
Loĝiga servo. — Carlos Virumbrales
Ekskursa servo. — José Molina
Gazetara servo. — José Cerezo
Informa servo. — José Oliveras
Libro servo. — Miguel Vilagrán
Junularaj aranĝoj. — Juan Guiñón
Oficialaj aranĝoj. — Liberto Puig



### *FUNDACION ESPERANTO*

Dos nuevos donativos hay que sumar a los ya recibidos para la Fundación, estos son los siguientes: Sres. Bielsa-Lázaro, de Zaragoza, 1.000 pesetas; Sociedad Esperantista "Frateco", de Zaragoza, 500 pesetas. Total: 1.500 pesetas.



# HISPANA LIRIKO

## VEREMUNDO MENDEZ COARASA

### poeto chesa *

Ĉe la fino de 1968 —ĝuste la 30-an de decembro—, dum en la antikvaj kaj invitaj hejmoj de la alt-aragonaj Pireneoj lante ĝojige flamis ankoraŭ, sub la protekto de la volba kamenkapuĉo, la ega trunko, kiun laŭ praaj ritoj oni ekbruligas okaze de la tenere intima festo de la Kristnasko, la vivo de unu homo: la vivo de Veremundo Méndez Coarasa, definitive estingiĝis en lia domo de Echo. Io neanstataŭigebla mortis kun li en Jacetanio **: la tre persona voĉo de ĝia poeto, de ĝia trobadoro.

Lia nomo levas en mia spirito aron da rememoroj, sorantaj, kiel fruaj birdoj trilaj, de la fundo de mia jacetana knab-aĝo, de la tempo, kiam mi aŭskultis mian patron paroli pri Veremundo kaj ties frato, aŭ frande legis iun el liaj poemoj aperintaj en la semajnaj gazetoj de Jaca *El Pirineo Aragonés* kaj *La Unión*. Kiam mi studis ĉe la universitato, mi ekrilatis kun Veremundo, kaj kvankam ni diferencis laŭ la aĝo kaj laŭ diversaj vidpunktoj, tamen nia amikeco ĉiam daŭris sur fortika bazo nefendita. Mi kvazaŭ vidas ankoraŭ lian penetran, rideman, ofte ironian rigardon, kaj ŝajnas al mi, ke mi aŭdas lian profundan, lantan parolon gravedan je scio, kiam, dum miaj vizitoj ĉe li —lia domo ĉiam montriĝis invite aperta, patriarka, saturita de tradiciaj esencoj— ni gustumis glason da bona vino grand-aĝa, aŭ kiam ni vagadis senlace en la nokto sur la stratoj de Echo, ĝis la pacaj matenoj someraj komencis ruĝi. Li parolis al mi pri aferoj de Echo: historio, moroj kaj, ĉefe, pri apartaĵoj de ĝia idiomo, de la *fabla chesa*, la sola perilo kiun li uzis por prikanti en siaj poemoj la teron kaj la homojn de tiu valo de Jacetanio.

La viro poste fariĝinta trobadoro de la vivo de Echo naskiĝas en la hejmo de siaj gepatroj, Veremundo Méndez Miticola, sekretario de la urbodomo, kaj Teresa Coarasa Boli, la 14-an de majo de 1898, en kriza, eventoplena jaro por Hispanujo: en la historia aspekto perdiĝas tiam la lastaj kolonioj hispanaj en Ameriko: Kubo kaj Portoriko; kaj en Azio, Filipinoj; en la literatura aspekto, aperas grupo de junaj verkistoj, kies nomoj poste famiĝis tutmonde: Unamuno, Azorín, Baroja, Machado, Valle Inclán...

Veremundo fariĝas instruisto, sed ne dediĉas sin al tiu profesio kaj akiras postenon, kiel ĉefoficisto, ĉe la sekretariejo de la urbodomo de Echo. Li edziĝas al Pilar Betés Catarecha, deveninta de Jaca, kaj ili havas kvar filojn. Pro sia vasta scio, pro sia afabla kaj simpatia karaktero li povintus facile sukcesi, ekster sia loka medio, en sferoj de pli larĝaj perspektivoj. Sed li neniam volis eliri el sia vilaĝo kaj, kiel biblia patriarko, li dediĉis al sia familio kaj al Echo ĉiun personan zorgon kaj energion, sian tutan vivon kaj sian tutan amon.

La Valo de Echo situas en la Centraj Pireneoj, kaj ĝin karakterizas aŭtenta pitoreskismo, mirindaj pejzaĝoj kie abundas riĉaj arbaroj el gigantaj abioj kaj korpulentaj fagoj: ili grimpas dense sur la deklivoj de la montoj kaj

haltas nur proksime al ties pintoj por cedi la lokon al la taksusoj, "arboj spiteme sin kroĉantaj al la rokoj". En tiu ĉarma valo, trafluata de la rivero Aragón Subordán, sidas vilaĝoj kiel Echo —la ĉefa loĝoloko— Siresa, Urdués kaj Embún. En ili, kiel en reviviĝintaj bildoj magiaj, konserviĝas ankoraŭ, kaj same okazas en la ĝemela valo de Ansó, stratoj, domoj, kostumoj kaj idiomoj de la mezepoka Jacetanio, regiono kie naskiĝis kaj ricevis sian nomon la hispana regno Aragono.

Ĝiaj loĝantoj, laŭ la etnologo Ramón Violant y Simorra, estas "rase fortaj kaj harditaj, alta-staturaj, de vigla inteligento, kutimintaj al kruda, aspra klimato, al intensa frido, al vivo enhejma dum la longaj vintroj"; laŭ freŝaj esploroj seroantropologiaj, la loĝantoj de Echo apartenas al la sama etna familio de la vaskoj de la orienta Pireneo navara.

Veremundo Méndez, *cheso* ĝisosta, fidela al la forta personeco de sia popolo, ĉiam distingiĝis per siaj noblaj sentoj, per sia sinteno rekte kavalireca, per ia sobra digno ligita tamen al spontana, denaska vivoĝojo. Li staras propra-rajte en la multnombra kompanio de eminentaj *chesoj*, kies brila inteligento, senlaca persisto aŭ intensa studado famigis ilin en la historio, en la eklezio, en la politiko, en la universitataj medioj; *chesoj* kiel Alfonso I la Batalanto, reĝo de la pirenea dinastio aragona, kiu konkeris de la muzulmanoj la grand-valoran urbon Zaragozo kaj eble naskiĝis en Siresa, kie li elkreskis kaj edu-kiĝis; kiel la religiulo de la ordeno de Sankta Hieronimo, frato Juan Regla (kies familia domo konserviĝas ankoraŭ), teologo de la hispana imperio en la dua kunvoko de la Trenta koncilio, konfidato kaj testamentoplenumanto de la imperiestro Karolo V, kiu same kiel ties filo Filipo II, genuis ĉe liaj piedoj por humile konfesi antaŭ la reprezentanto de Dio; kiel frato Domingo Larripa, kronikisto de Aragono; kiel frato Gregorio Garcés, gramatikisto; kiel Agustín Pérez kaj Juan López, rektoroj de la universitato de Zaragozo; kiel, jam en nia jarcento, Domingo Miral, kiu rektoris ĉe la sama universitato kaj kreis kaj direktis unua la Someran Universitaton de Jaca, pioniran en Hispanujo rilate al kursoj por alilandanoj; kiel Manuel Marraco, eksministro; kiel aliaj emi-nentaj kuracistoj, juristoj kaj universitataj profesoroj, por ekzemplo, Rafael Gastón Burillo... Viroj ja de granda intelekta prestiĝo naskiĝintaj en Echo aŭ kun gepatroj *chesaj*.

Veremundo enamiĝis al Echo, al ties klinaj stratoj, al ties antikvaj domoj kun pintaj pinjonoj kaj volbaj kamenoj plenaj de personeco kaj gracio, kun tegmentoj el glataj tegoloj, kun rond-arkaj pordoj, kun ampleksaj kaj invitaj fajrejoj. Laŭ vortoj de sia amiko Miguel Sancho Izquierdo, honora rektoro de la universitato de Zaragozo, Veremundo estis "poeto de la beloj kaj ĉiuta-gaĵoj de tiu ĉarma valo pirenea; li fidele gardis, fervore diskonigis kaj obstine defendis la belon, la idiomon, la historion, la tradicion kaj la karakteron de Echo". Aŭtenta kaj sincera en siaj versoj, posedantaj dokumentan valoron, li identiĝis kun sia medio kaj donis al ni fidelan ateston de la spirito kaj de la ĉiutaga vivo —t. e. la intiman historion— de sia popolo. Lin inspiris la zorgoj, la ĝojoj, la doloroj, la simplaj aferoj de liaj samgentanoj. Kaj ankaŭ rememoroj de lia infan-aĝo kaj la vivoj de liaj amikoj. Resume, la eta his-

torio de mikrokosmo en la Pireneoj.

Notindas, ke li malfrue komencis verki, en 1934, kiam li havis 36 jarojn. Eble tial, jam de la unua momento liaj versoj estas naturaj, sukaj fruktoj. En antaŭa tempo ŝajne li komponis nur kelke da serenadaj koploj, ĉar en sia jun-aĝo li ilin tre ŝatis; ne por nenio li ludis iam per sia kara gitaro serenadante kun aliaj junuloj sur la stratoj de Echo. Nun lia familio trezoras lian muzikilon, kiu surportas aŭtografon skribitan de la fama tenoro de Huesca, Miguel Fleta, kiam tiu kinematografis en Echo, en 1933, la filmon *Miguelón* kun ties alt-aragona medio.

Liaj unuaj poemoj —la plej bonaj, laŭ mia gusto— komponitaj en 1934 formas fidelan retablon priskriban de humilaj okupoj en medio neadulterita, kiel montras la titoloj *La herboj, La hortoj, La falĉo, La draŝo, La semado, La kabano, La neĝo*... Poste, en 1949, li skribas la poemon *Pan de paxaricos* (Pano de birdetoj), kiu spegulas dramece la rigoran ekziston de la hakistoj



Vilaĝo kaj valo de Echo

en la densaj arbaroj pireneaj. El liaj poemoj elspiras esencoj bukolikaj kaj kamparaj: odoro de arbaroj, de fojno kaj tritiko; saporo de nutroriĉaj ŝafidoj kaj de egaj panbuloj; sonorado hela de kol-tintiloj. Resume, odoro, saporo kaj sonoro de aŭtenta pranaturo.

Sed lia inspiro ne limiĝis al temoj de popola kulturo bukolika kaj rura. Ĝin nutris multe da aliaj aspektoj: la patronfesto (jaron post jaro li skribis la proklamon okaze de la ĉefa festo religia, celebrata en septembro), la Sankta Semajno, la mistera nokto de Sankta Johano, la popolaj amuzoj, la fervoraj apologioj al Echo kaj al ties tradiciaj kostumoj; kaj samtempe li ekzalte pledis por la progresigo de la vilaĝo, kies senlaca ĉampiono li estis en la spirito de la proverbo: "nova vino en felsakoj oldaj". Eĉ ne unu el la famuloj, kiuj paŝis sur la stratoj de Echo, foriris sen ke Veremundo legus al li bonvenigan poemon; kaj ĉian okazaĵon, eĉ plej sensignifan, li registris en siaj versoj, kiel skrupula kronikanto de la eta vivo ĉiutaga. Krom verkoj de familia kaj aŭtobiografia karaktero, li skribis aliajn pecojn, kiuj rivelas aŭtentan kreivon kaj plenas de sana humuro. La pliparto de lia verko havas priskriban karakteron; sed ne mankas poemoj de profunda lirikismo —naivaj, ĉarmaj kantoj kristnaskaj kaj lulaj— penetritaj preskaŭ ĝiskreve de emocio kaj tenero.

Kelkaj el liaj poemoj aperis dise en ĵurnaloj kaj revuoj distriktaj kaj regionaj; sed la pliparto ne publikiĝis ankoraŭ. Efektive, la morto lin trafis, kiam li skrupule reviziis kaj poluris ĉiun el siaj versoj, kun la intenco ilin eldoni libroforme, kion nune, en obeo al honoriga komisio al mi farita de lia familio, mi entreprenas tre volonte.

Lia ampleksa verko, skribita ne por silenta kaj aparta legado, sed por publika deklamo, prezentas fortan karakteron trobadoreskan. Kvazaŭ iu mezepoka bardo, la poeto, ĉirkaŭite de siaj samvilaĝanoj, kadence legis al ili, per sia tre karakteriza voĉo, versojn, kiujn li skribis horojn antaŭe. La poeto identiĝis kun la animo de sia popolo, sentis sin parto de la popolo; sed lia publiko —paŝtistoj kaj kampuloj— same identiĝis kun la deklamanto, kun *sia* poeto, ĉar la versoj parolis pri la historio de la valo kaj pri la moroj, ĝojoj, tristoj kaj sopiroj de la valanoj, ne en la hispana lingvo, kiun oni instruis al ili ĉe la lernejo, sed en la *fabla chesa* ĉiutage uzata en la hejmo, en la familia vivo, en la babilado. Tial Veremundo donis komunan subtitolon: *fabla chesa,* al ĉiuj siaj poemoj. Pro la sama motivo li uzis preskaŭ ekskluzive la plej fluan rimosistemon: la asonancan, ĉar ĝi plene adekvatas al la ege humaneca

simplo de liaj poemoj, en kies etoso ŝajnas sonori kelkokaze ia eĥo romanceska.

La poeto, tial ke li uzis lokan idiomon, farante el la *fabla chesa* —arkaikiĝanta, preskaŭ estingita— la akson de sia vivo kaj de sia konstante fervora amo, kion li pruvis per miloj da elkoraj versoj verkitaj laŭlonge de tridek kvar jaroj, postlasis al ni valoregan heredaĵon lingvistikan, kies unikan gravon agnoskis eminentaj fakuloj, por ekzemplo, la universitataj profesoroj hispanaj Manuel Alvar ("Veremundo Méndez estas la plej noblasenta el ĉiuj dialektaj poetoj nuntempaj", li skribis en 1953), Antonio Badía Margarit aŭ Félix Monge; kaj la alilandaj lingvistoj Alwin Kuhn kaj Gerhard Rohlfs, germanaj Romanistoj, aŭ la angla W. D. Elcock. Ili ĉiuj rilatis kun Veremundo kaj skribis al li petante liajn poemojn aŭ la signifon aŭ ĝustan nuancon de vorto *chesa*. Kelkajn el liaj versaĵoj oni komentis en revuoj de filologio pri latinidaj lingvoj kaj studas ankoraŭ ĉe universitatoj hispanaj kaj eksterlandaj.

La ne specialistoj ofte konfuzas la terminojn lingvo, dialekto kaj loka idiomo. La unua, laŭ Manuel Alvar, konsistas el lingva sistemo uzata de parolanta kolektivo kaj karakteriziĝas per tio, ke ĝi havas fortan diferencigon, posedas altan gradon de sinnormigo kaj vehiklas gravan literaturan tradicion; dialekto konsistas el lingva strukturo ne atinganta la kategorion de lingvo; kaj loka idiomo estas lingva strukturo kun trajtoj apenaŭ diferencigaj —sed kun karakterizaj nuancoj interne de la regiona strukturo al kiu ĝi apartenas— kaj uzata en etaj geografiaj cirkloj normale entenataj en administraj unuoj: distrikto, komunumo, paroĥo. Ĉiuj literaturaj aŭ kulturaj lingvoj: hispana, franca, itala, angla, germana, rusa, origine estis nur modestaj dialektoj, kiuj pro eksterlingvaj kaŭzoj —historiaj-kulturaj, socialaj— atingis la kategorion de lingvo.

La Pireneoj ne ĉiam havis la barieran funkcion, kian ni konjektus hodiaŭ. La ibera lando, en tempo antaŭa al la Roma epoko, finiĝis lingve, ne ĉe la Pireneoj, sed transe, sur la dekstra bordo de la rivero Garono. En la toponomio, en la fonetiko, en la leksikono troveblas ankoraŭ spuroj rivelantaj, ke, ambaŭflanke de la Pireneoj, oni parolis antaŭ kelkaj miljaroj komunan lingvon parencan al la nuntempa lingvo vaska. Ankaŭ ĉiuj invadintaj popoloj —kelkaj, prehindeŭropaj; kelkaj, hindeŭropaj— postlasis sian semon en la pireneaj valoj de Jacetanio, kiam ili trairis, de la cetero de Europo ĝis la ibera lando, tiun historian-kulturan ponton, la pirenean montoĉenon.

La vulgara, parola latino, kiu romanigis la provincojn de la vasta imperio de Romo, diverskaŭze disdialektiĝis kun la paso de la tempo. En la Mezepoko,



Interpreto de la ĥoto chesa

kaj inter la limoj de Iberlando, elvolviĝis el la vulgara latino —la komuna trunko— la mozaraba, la aragona-navara, la rioĥa, la leona, la kastilia, la portugala-galega kaj la kataluna. El ili, nur la tri lastaj rangas kiel lingvoj en la nuntempo; la ceteraj estingiĝis aŭ vegetas —la leona, la aragona— kondamnitaj, malgraŭ la izola protekto provizita de alte lokitaj valoj, al neinversigebla proceso de ensorbiĝo en la kastilian.

La valoj de Jacetanio montras krome alian tre kuriozan lingvan karakterizon: ilian romanigon —kiel pruvis Ramón Menéndez Pidal, la nediskutebla majstro de la hispana filologio— plenumis envagintaj gentoj, ne origine latinoj, sed oskoj kaj sabenoj, kiuj, eble pelitaj de tropopoliĝo, elmigris el sia fora itala lando al la valoj de Jacetanio, kie, sub la protekto de sia samgentano, la sabeno Sertorio —ribelinto kontraŭ Romo kaj fondinto de la fama skolo de Osca (nuntempe Huesca)— ili starigis novajn hejmojn kaj enradikigis ian latinon kun multegaj apartaĵoj, kiuj, post du mil jaroj, refloras ankoraŭ en la babiloj de paŝtistoj kaj kampuloj jacetanaj.

En siaj originoj —precizigas Alvar— la kastilia (poste hispana lingvo) ne rangis super la aragona aŭ la leona. Por skribi la historion de Aragono aŭ Leono la historiistoj devis labori super dokumentoj mezepokaj, ĉartoj, tekstoj juraj kaj notariaj, redaktitaj respektive en la aragona aŭ leona. Eĉ plie: ekzistas ankaŭ tuta literaturo antikva de dialekta karaktero. La plej fruaj aragonaj esprimoj troviĝas en literaturaj tekstoj de la 13-a jarcento: en la eposo *(Cantar de Roncesvalles)*, en la frutempa liriko *(Razón feita de Amor)*, en la hagiografio poemoforma *(Reyes d'Orient, Santa María Egipcíaca)*, en la skolo de la klerikoj-poetoj *(Alixandre, Apolonio)*, en la alĥamia*** literaturo *(Poema de Yusuf)*. Dialektaĵoj aragonaj donas sian koloron eĉ al la granda eposo laŭdanta la plejan heroon de Kastilio, la Cido Ruy Díaz de Vivar. "Poste okazis ŝanĝiĝoj —aldonas Alvar— kaj Aragono kaj Leono cedis iom post iom al la dialekto de la mezo de la lando (la kastilia), kaj ilia retiriĝo daŭras ankoraŭ nuntempe". La antikva dialekto aragona, splitiĝinta en kelke da lokaj idiomoj, nefirme sin tenas je defensivaj pozicioj en Echo kaj aliaj vilaĝoj pireneaj. Kiam oni preĝos al ĝi la finan rekviemon, io de la kulturo hispana —latinida, eŭropa— definitive estingiĝos.

Per la antaŭa, densa sintezo, la leganto certe povas dedukti, ke la verko de nia poeto posedas esencan valoron por la historio kaj, konkrete, por la dialektologio. Lia dialektismo estas vitala fundamento de lia verko, ne ia pitoreske folklora trajto; la poeto, radikiĝinta en sia tero, plene miksis sin kun sia popolo, kaj lia amata *fabla chesa* —sango de lia spirito— revitaligas la humanan sinceron de la temoj popularaj.

Vivis ankoraŭ la poeto, kiam lia popolo —*chesoj*, jacetanoj, huescanoj, aragonanoj— agnoskis lian meritoplenan laboron. Okaze de lia emeritiĝo kaj sekva forlaso de lia administracia posteno ĉe la urbodoma sekretariejo, Echo dediĉis al li fervoran omaĝon la 23-an de marto de 1958. Pro liaj priokupoj rilate la historion, oni oficiale nomis lin kunlaboranto, en la valo de Echo, de la "Provinca Komisiono de Huesca por Arkeologiaj Elfosoj"; en 1963 la "Reĝa Akademio de Noblaj kaj Belaj Artoj de Sankta Luiso" de Zaragozo nomis lin korespondanto de la akademio.

Kiam li forpasis, ĉiuj gazetoj kaj radiostacioj distriktaj kaj regionaj dediĉis al li grandan spacon por laŭdi lian elstaran personecon poetan kaj humanan. Apenaŭ du semajnojn post lia morto —la 15-an de januaro de 1969— en speciala programo dissendita de la Hispana Televido, la gitarensemblo *chesa* —lia kara grupo de gitarludantoj— interpretis en la placo, antaŭ la preĝejo, la ĥoton *chesan*, kiu estas eble la plej solen-stila el la diversaj ĥotoj aragonaj, kaj ĉe la fino, kiel postmorta omaĝo al la poeto, ankaŭ aŭdiĝis la *fabla chesa*. En la sama jaro okazas novaj honorigoj: kelkaj partoprenantoj en la XIX Literatura Nacia Vojiro —inter ili Gaspar Gómez de la Serna— okaze de sia vojaĝo en la pirenea regiono esprimas omaĝe sian admiron al la poeto. La magistrato de Zaragozo aprobas la proponon doni lian nomon al strato de la urbo. Dank' al la mecenateco de la "Caja de Ahorros y Monte de Piedad de Zaragoza, Aragón y Rioja" (Ŝparkaso) oni starigas je lia memoro la ĉiujaran premion "Veremundo

Méndez" aljuĝatan al la plej bona poemo verkita en aragona dialekto. Ĉiuj loĝantoj de Echo, kun la aŭtoritatoj de la vilaĝo kaj de Jaca ĉe-kape, emocie ĉeestas la 10-an de septembro (kiam apogeas la ĉefa festo, kies publika proklamanto estis Veremundo multe da jaroj) la senvualigon de tabulo donanta lian nomon al la strato, kie sidas lia naskodomo. En 1970, Echo, Jacetanio kaj tuta Aragono celebras la Kristnaskon kun la neatendita kaj ĝojiga apero de nova kanto kristnaska, *Pastos y zagalas*, skribita de Veremundo kaj muzikigita de Tomás Asiáin, direktoro de la laŭrkronita ĥoro de Jaca; al ĝi ŝuldiĝas la gravuro de tiu kristanaska kanto en diskon, kiu preskaŭ tute elvendiĝis en malmultaj tagoj. Iom poste, la sama direktoro Asiáin muzikigas por la menciita ĥoro la inspiritan poemon de Veremundo, *Canta de Cuna*.

Apud la ermitejo de la Virgino de Escabués ripozas por ĉiam en sia amata tero *chesa* la viro, kiu tiel ofte Ŝin prikantis en siaj versoj. Eble al la epitafo de homo, kiu plenkore kaj senrezerve sin donis al sia popolo, mankas la vortoj *largus atque facoetus* —bonfara kaj joviala— legeblaj sur la tomboŝtono de iu mezepoka episkopo. "Kiu ne dezirus la saman surskribon sur sia tombo, se konsideri ke la morto neeviteblas?" —komentis iam Ortega y Gasset.

*Tomás Buesa Oliver*

***Prof. Dro. pri Historio de la Hispana Lingvo ĉe la Universitato de Zaragoza***

---

* *Chesa*: naskiĝinta aŭ apartenanta al la alt-aragona Valo de Echo.
** *Jacetanio*: ĉe-pirenea regiono, kun Jaca kiel ĉefurbo.
*** *alĥamia*: teksto kastilia skribita per arabaj literoj.

# FABLA CHESA

## LO SOL DE LOS LOBOS

Cuando lo sol s'en ve indo
y ve baxando'nta tierra, y
dezaga d'ella s'esconde,
allora, no'n guipas beta.
Poquet a poquet, la luz,
veyes, cada vez, que mengua
y que se ve emborroniando,
lo que ye lejos u cerca,
con lumbre, que, poco o muito,
ve tirando, siempre, a negra.
De repente, la luz, cambia
y todo l'ambíto emplena,
de color royo, de fuego,
como si bella foguera
tan grán como bel món nuestro,
ardese, cremando tieda.
Allora i-veyes las puntas
y las nubes que han mas cerca,
royas, de color de sangre:
Lo sol de los lobos plega,
emplindo toda la val
y poquet a poquet, mengua,
cuando ya se'n ye íu, de raso,
zarrando la nuey amuestra,
una estrella reluciente,
que por los cielos navega...

Ye la siñal y en los cados,
escondíus en móns y en selvas,
u en espelungas, que i-n-há,

## LA SUNO DE LA LUPOJ

Kiam la sinkanta suno
sin al tero glite trenas
kaj sin kaŝas post la montoj,
la ĉirkaŭo malaperas.
Oni vidas, ke la lumo
perdas forton kaj, svenema,
poiome dronas ĉie
en obskuron pli intensan,
kiu volas transformiĝi
en profundan nigron peĉan.
Sed subite lum' eksplodas,
kaj la tuta spaco plenas
de koloro flave ruĝa:
kvazaŭ ia fajro bela,
granda kiel niaj montoj,
fontus el pinaro densa.
Tiam la proksimaj nuboj
kaj la pintoj plej majestaj
trempas sin en sangan ruĝon:
lupa suno tio estas,
ĝi relumas en la valo
ĝis finfine ĝi forvelkas,
kaj la nokto, post ol fali
sur la tutan vaston teran,
montras stelon glime brilan
en navigaci' ĉiela...

Estas do la hor'... En truoj
de arbaraj montoj verdaj,
en kaŝejoj kaj en kavoj

que hombre haya dentráu en ellas,
onsos, lobos y rabosos,
fuinas, gatas montesas,
taxóns, xabalíns y loiras
y otros muitos mas, s'espiertan,
s'estiran, tántian las uñas,
los caxals, u lo que emplean,
cada cual, cuando ve'n busca,
d'atrapar caza indefensa,
por lo goyo de matar,
u por minchar lo que puedan,
que pa vivir lis fa falta,
según ye ley en la selva,
marchando a siguir los rastros,
dimpués que los cados dexan,
los que cada cual prexina,
haber pronto y fácil presa.

Por contra, cuando lo sol
de los lobos, todo emplena,
de lumbre roya, de sangre,
por los móns y por las selvas,
los coniellos y las llebres,
perdices y otras montesas
y las que son de corral
pirinas, poniendo, u clecas
u otros que duermen al raso,
crabas, mardanos u ovellas,
yeguas, potros u lechals
y abríos con las betiellas
u betiellos, cuando veyen
lo sol ixe, todos temblan;
las cerras meten de punta
si'n d'esterizos, no'n queda;
renchilan, belan y graman,
de contino u esberrecan,
que han sentíu botilar lobos
y d'éllos puén estar presa
y como lis ve la vida
demandan, así defensa.
Solo, al caso, bel mastín
dexa de mirar la tierra;
segudindo la carlanca,
devantando la cabeza,
gruñe, y se mete de cara,
enta do l'aire li amuestra,
que ha veníu lo botilar,
de ixe lobo a qui él espera
fer a polvos, si lo pilla,
cuando a por ovellas vienga,
que ye lo can de los fierros
y lo miedo, pa él, no cuenta.

Cuando ye la nuey zarrada,
d'aquellas, de raso, negras,
u con creciente u menguante,
que cuasi no alumbran beta,
ixa ye la siñalada,
aparente pa las fieras
y como quiera que siga,
caza farán, mala u güena,
aunque no zarren los güellos,
mastíns y pastós que veilan...

—kien homoj ne penetras—
ursoj, lupoj kaj foinoj,
bestoj vulpaj kaj mustelaj,
talpoj, aproj kaj aliaj
tuj vekiĝas kaj sin streĉas,
ungojn fleksas, dentojn movas
kaj, por la ĉasado pretaj,
iras ŝtele serĉi ĉien
ian predon sendefendan,
por la ĝuo murdon fari
aŭ ĉar la malsato pelas.
Laŭ la leĝo de l' arbaro
por vivadi ja necesas,
elrampinte el la truo,
iri post la spuron predan,
kiun la bestioj trovas
plej elstara kaj sekvebla.

Male, kiam lupa suno
montras sin kaj ĉien verŝas
sian lumon sangan, ruĝan
sur la montojn pinodensajn,
la kunikloj kaj leporoj,
la perdrikoj ĉiuspecaj,
la kokinoj en la korto,
ĉu senovaj, ĉu ov-metaj,
la ŝafinoj kaj ĉevaloj,
la kapridoj saltolertaj,
la bovinoj kaj aliaj,
kiujn stalo ne protektas,
ekvidante tian sunon
pro la timo forte tremas.
Ĉies haroj, ĉies plumoj
iĝas hirtaj, pufiĝemas.
Bestoj beas, kokerikas,
muĝas kaj senĉese henas
ĉar, aŭdante lupon hurli,
ili vidas sin senhelpaj,
kaj ĉe tia vivorisko
brue-bleke ŝirmon petas.
Tamen eble ia hundo
la rigardon vigle levas,
la karlankon (1) nerve skuas
kaj la kapon aldirektas
al la hurloj de la lupo,
kies haŭton ĝi esperas
dispecigi, se okaze
venos la besti' kruela
fari nocon al ŝafidoj
per agreso murd-impeta.
Ja la hundo tre kuraĝas
kaj eĉ ne timeton sentas.

Kiam en profunda nokto
la tenebro plene regas,
aŭ la luno troe palas
kaj apenaŭ brilon ĵetas,
tiam la sovaĝaj bestoj
trovas, ke la hor' konvenas.
Ili kaptos iel, ie,
predon, se ne grandan, etan,
eĉ se tutan nokton viglos
hundoj kaj paŝtistoj gregaj...

Lo sol de los lobos sale,
cuando no bi-bá luna plena
y esto a los mocez lis dicen,
cuando, p'adormirlos, cuentan,
rodiando los fogarils,
en las nueys madris u güelas
pa que tornen ta las casas,
todas las tardis que i-vean,
salir lo sol de los lobos,
en los móns de la val nuestra,
que allora salen, con fambre,
de los cados ixas fieras,
y se levan a los críos,
cuando no troban ovellas.

"Suno de la lupoj brilas,
kiam mankas luno hela".
Tion diras al infanoj
panjo aŭ avin' prudenta
nokte, ĉe la kamenfajro,
se l' infanoj ne dormemas.
"Kaj en via hejmo sidu",
la patrino plu avertas,
"kiam lupa suno brilas
sur la altoj montokrestaj,
ĉar bestioj manĝ-avidaj
tiam el la truoj venas
kaj devoras la infanojn,
se ŝafinoj ne troveblas".

Traduko: *F. de Diego*

(1) karlanko (hispane, *carlanca*), ĉirkaŭkolo de hundo, provizita per ŝtalaj pikiloj; ĝi donas avantaĝon al la hundo, kiam tiu luktas kontraŭ lupoj aŭ aliaj bestioj.

## KORAN GRATULON

La Provinca Deputitaro de Teruel asignis la medalon de la Ordeno de San Jorge, patrono de la provinco, al Lia Ekscelenca Moŝto Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo, kiel rekono de liaj meritoj kaj kapabloj.

La 25-an de aprilo en la Provinca Palaco de Teruel okazis akademia solenaĵo; en kiu, la Prezidanto de la Deputitaro surmetis la memorigan medalon al Dro. Sancho Izquierdo.

Reliefigi en ĉi tiu okazo la elstaran personecon de Prof. Sancho Izquierdo ne estas necese, vi ĉiuj povis konstati en diversaj okazoj la prestiĝon de nia Honora Prezidanto, en ĉiuj medioj.

Al la multaj gratuloj, kiujn Dro. Sancho Izquierdo ricevis, ni aldonas la nian plej sinceran.

*Red.*

## UNUA KURSO DE ESPERANTO POR KNABOJ EN CALELLA (Barcelona)

Por prepari la 15-an Katalunan Esperantistan Renkontiĝon, kiu okazos en Calella la 27-an de majo, nia samideano P. José M.ª Claramunt, ek de la monato februaro komencis Kurson de Esperanto por la knaboj de la Piaj Lernejoj (Piaristoj) en internacia apudmara urbo Calella. Ĉeestas al la klasoj 48 lernantoj. S-ro Félix de Valois Arana, ankaŭ esperantisto, estas la profesoro de la esperanta infanĥoro:

Adreso: Colegio Escuelas Pías, Jubara, 39. Calella (Barcelona).

## "ESPERANTAJ" VENDEJOJ EN CALELLA

Ĵus inaŭguriĝis en Calella du vendejoj por turistoj: "Bazaro Esperanto", strato Jubara, 98, de gesamideanoj Collantes-Mies Collewjin kaj "Verda Stelo", strato Jubara, 71, de samideano Luis Hernández Caldera-Félix de Valois Arana.

# ANTAŬ LA 33a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN MADRID



Kiam oni vizitas grandajn urbojn —Madrid estas unu el ili— ĉiuj, sed speciale la virinoj tre ŝatas butikumi pro ebla eltrovo de plej moderma vestaĵo aŭ de nekonata ornamaĵo. Grandaj magazenoj kaj gravaj butikoj pri specialaĵoj abundas en Madrid; do, la kongresednizoj bone povos profiti la tempon dum la edzoj laboros.

La Gran Vía estas sendube la ĉefa komerca avenuo, sed ankaŭ estas en Madrid multaj aliaj stratoj sur kiuj situas tre interesaj kaj diversaj butikoj vere elegantaj.

Sed, se la laborkunsidoj okazos posttagmeze mi konsilas la viziton al iu parko. Ĉiuj madridaj parkoj estas belaj, en ili vi trovos pacon por via spirito kaj ĝuon por viaj sensoj.

La plej centra parko, kaj la ĉefa pro ĝia beleco kaj amplekso estas "El Retiro". En la ĉefaj avenuoj borderitaj de grandaj arboj kaj densa arbedaro, aperas, kontraste kun la pejzaĝo multnombraj ŝtonaj statuoj de hispanaj reĝoj. Notindaj estas la granda baseno, kie oni praktikas remsporton; la rozejon; zoologia parko; la ĝardenoj de Cecilio Gutiérrez... En la centro de la parko staras la palacoj de Velázquez kaj el Cristal, kie kutime, oni ekspozicias pentraĵojn kaj metiartaĵojn. Riĉigas la parkon kelkaj gravaj monumentoj, inter ili tiuj dediĉitaj al Alfonso la XII-a, Martínez Campos, Cajal, Galdós, Victorio Macho... Enirinte en la parkon la temperaturo estas tiel agrabla ke ni sentas unu nuran deziron: iomete ripozi, sed, serĉante ombrigitan angulon, ni ekvidas tiom da belaĵoj, ke oni ne emas sidi.

Ne pensu ke en Madrid nur estas vizitinda "El Retiro". La parko de la "Casa de Campo" (Kampara domo) estas unu el la plej vizitataj parkoj de Madrid. La Reĝo Filipo la II-a akiris ampleksan bienon, kiu situas ĉe la dekstra riverbordo. Li celis tie fari privatan ĉasejon kun granda parko, proksime al la antikva Alkazaro. Ĝi estis replantita pro ordono de la Reĝo je la jaro 1559. Nuntempe, krom la arbaroj, tre densaj en kelkaj lokoj, ekzistas granda lago, kie oni praktikas boatsporton, kaj urba naĝejo kaj sportejo. De antaŭ pluraj jaroj ankaŭ ekzistas taŭroludejo, kie liberaere, hardas sin la junaj aspirantoj al la famo kiel toreadoroj.

En la "Casa de Campo" ĉiun duan jarojn, prezentiĝas tre grava kaj interesa Agrara Specimena Foiro.

Multaj pliaj parkoj kaj ĝardenoj ekzistas en Madrid, ĉiuj ja allogaj, kie vi povos pacience kaj ripoze atendi viajn laboremajn edzojn, kiuj, feliĉaj pro via pacienco, post la noktomanĝo akompanos vin por iri en la teatron, kinejon, kabaretojn aŭ iun ajn alian spektaklon; aŭ simple por promeni tra centraj stratoj bone lumigitaj kaj trinki kafon en iu kafejo el kiuj restas kelkaj en Madrid. La noktema Madrid ankaŭ meritas vian viziton.

*I. G.*

## S-rino M.ª Mercedes Garcia de Flores

forpasis en Madrid la 7-an de majo 1972

Pacan ripozon al ŝi!

Kun profunda bedaŭro mi informas pri la subita forpaso en Madrid, de S-rino M.ª Mercedes García, edzino de nia samideano S-ro Gerardo Flores Martín, estrarano de H.E.F.

La malĝojiga sciigo forte kortuŝis nin ĉar nenio antaŭvidigis ĝin. Nun, ŝi iris en la ĉielon lasante grandan malplenon en ŝia familio kaj en la koro de ĉiuj konantaj ŝin.

Por ŝia familio kaj speciale por ŝia edzo, nian plej sinceran kondolencon.

## 15º KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

**Okazonta en *CALELLA* (Barcelono), la *27-an de majo 1973* dum la PRINTEMPAJ FESTOJ de la urbo.**

**En la organizado, kun la Aŭtoritatuloj kunlaboris Esperanto-Grupo Calella de "Cooperativa la Amistad" kaj la Grupoj de Esperanto el la Barcelona Provinco kaj el la Kataluna Regiono.**

### PROGRAMO DE LA RENKONTIĜO

Je la 9'30, Alveno de la gepartoprenantoj kaj disdonado de insignoj kaj dokumentoj, en la *RENKONTIĜEJO, «COLEGIO ESCUELAS PIAS»* (Piaj Lernejoj), *strato Jubara, 39.*

Je la 10'30, en la Preĝejo de la Sanktaj Reĝoj de la sama Lernejo, Kuncelebrata katolika diservo: Ĉefa celebranto, P. Josefo M.ª Claramunt, Direktanto de la Lernejo, kaj Prezidanto de Esperanto-Grupo Calella.
Predikos P. Manuel Casanoves, C. M. F. el Barcelono.
La infanĥoro "Els petits cantaires de l'Escola Pia", okupiĝos pri la kantataj partoj de la Meso.
Je la fino, beno de la flagoj de du Grupoj de Esperanto.

Je la 11'30, Inaŭguro de la *Esperanta Ekspozicio,* kiu daŭros dum Printempaj Festoj. La materialo devenas el fluganta ekspozicio el germanaj fervojistoj kaj el regionaj grupoj.
Sekve en la salonego bonvenaj vortoj fare de la Vic-Prezidanto de Esperanto-Grupo Calella, S-ro Félix de Valois Arana, kaj salutvortoj de la reprezentantoj de la diversaj regionaj grupoj kaj el eksterlando.
PAROLADO de S-ro Luis M.ª Hernández Yzal, Fondinto kaj Direktoro de Hispana Esperanto-Muzeo por la neesperantista publiko pri "EL IDIOMA INTERNACIONAL ESPERANTO".
La "Junulara Trupo" de Centro de Esperanto Sabadell ludos la teatraĵon "VERDA AŬ NIGRA" de la kataluna verkisto Estanislau Torres, adaptita kaj tradukita de Llibert Puig.
La Infanĥoro kaj knaboj de la Unua Infana Kurso de Esperanto de Calella, amuzos la publikon por belaj esperantaj kantetoj.
Mallonga projekcio de esperanto-filmo pri Aŭstralio.
KONKURSO DE KANZONOJ en Esperanto.
Finaj VORTOJ de lia Moŝto Urbestro el Calella.

Je la 14'30, en la moderna HOTELO GARBI, Paseo de las Rosas, s/n, frata BANKEDO, kaj disdonado de premioj.

Apud la Ekspozicio funkcios LIBRO SERVO, kiun kiel kutime prizorgos gesamideanoj Vilagrán, el Barcelono.



# IDEALISMO KAJ UTOPIOJ

*Prelego de Gabriel Mora y Arana, okaze de la tago de Zamenhof, en Club de Amigos de la UNESCO, Esperanto-Fako, de Barcelona.*

Koncerne la vortojn IDEALO kaj UTOPIO, tre ofte oni deziras modifi propraprofite iliajn respektivajn signifojn, nur por tiel pravigi personajn konvinkojn, aŭ por memvola trompiĝo. La aplikojn de la difinoj, do, ni rigardu iom suspekteme.

Ankaŭ evidentiĝas ke oni uzas rikane jen la vorton IDEALISMO, jen la vorton UTOPIO, kun la intenco senprestiĝigi iun noblan celon, por tiel neniigi eblan aŭ efektivan strebadon de respektindaj personoj aŭ movadoj.

IDEALO, kaj, konsekvence, IDEALISMO, ĉiam montras celon konkretan, eblan, gravan, racian kaj pozitivan. Ĝi montriĝas, almenaŭ teorie, efika, malgraŭ ke ne ĉiam tiel okazas pri la fina sukceso dezirata aŭ atingota. Ho, kiam da idealoj sufokiĝas meze de tiom da surtera materialismo!

Ni diru ke, sen perfekta kaj bone planita idealismo, oni povas organizi kaj projekcii neniun gravan kaj transcendan entreprenon de bonfaremo aŭ progresa efiko. Nia socio nepre bezonas konsciajn idealistojn. De ĉiam, plej grandaj pioniroj, veraj genioj, herooj kaj persistemaj pacaj batalantoj, estis nesubaĉeteblaj idealistoj, aŭ simplaj "revemuloj" laŭ diro de enviemaj, sennuancaj, senidealaj vulgaruloj.

Ofte, ho ve! tiuj bonaj idealoj estas pli grandaj ol la forto mem de la propra homo kiu ilin vivigis kaj subtenas. Kaj nur pro tio, tiuj idealoj povas resti, kiel ni jam diris, ŝajne senefikaj kaj senfruktaj. Sed ni ne rajtas diri, antaŭ tiu rekono, ke ili estas, aŭ estis, jam denaske sterilaj.

Laŭ la vortaro, IDEALO estas pli-malpli tio, kion ni rigardas kiel la plej noblan celon, al kiu oni entuziasme penadas. Responde al tio, ke oni tiel ofte taksas la esperantistojn kiel idealistojn (aŭ se ni mem tiel nin konsideras), ni povas diri fiere, senkaŝe, tre laŭte: —Jes, ni estas idealistoj, ĉar Esperanto estas sublima idealo.

Do, IDEALISMO estis kerno-ĝermo kaj, samtempe, konstanta viv-spirado, de la kreaĵo de D-ro Zamenhof. Kaj li, la Majstro, neniam forskuis tiun konsideradon, sed, male, li konstante nutris kaj pliriĉigis ĝin, ĉar li konsciis pri transcendo, unue, de sia evoluanta kaj perfektiĝanta verko kaj, poste, pri la bono de ĝia praktika enkondukiĝo en ĉiun sferon de la mondo, celante tiel al tuthoma natura interkompreniĝo. Jen, do, modela kaj kvazaŭ sankta idealismo.

Kion diri pri UTOPIO? Ĉu utopio ne estas, aŭ ne povas ankaŭ esti, pli-malpli bona idealo? Ho, jes! Sed ni agnosku ke utopio estas nur idealismo nefekunda, senbaza kiu forrabas ĉiun valoran forton necesan por konvene masoni firman kaj profundan fundamenton por larĝa, alta kaj senfenda muro, kiun kapablas konstrui perfekta kaj aganta idealismo. Kial ni, do, devas penadi kaj klopodadi favore de nebulaj kaj malkonkretaj celoj kaj projektoj?

Sed ni rajtas agnoski ke ankaŭ fojfoje fruktodona kaj subtenebla idealismo povas aspekti dekomence, kiel simpla aŭ svaga utopio, se nia perceptado ne estas sufiĉe akra: se ni ne kapablas antaŭkompreni la veran genian intencon aŭ atingon.

Ekzemple, jen tiu unuiĝonta Eŭropo konjektita de Sir W. Churchill, post la dua mondmilito; jen eŭropaj ŝtatoj surbaze de unuigaj ekonomiaj realaj faktoroj, laŭ la franca politikisto Schuman; jen la "Eŭropa asocio pri libera komerco" (EFTA); jen la ekonomia unuiĝo nomata Benelukso, ekstatutita en la jaro 1943-a. Ĉar ambaŭ elpensaĵoj reve surbaziĝas, pli-malpli objektive, sur konkretaj entreprenadoj celantaj forigi kaj solvi homajn, sociajn, doganajn, ekonomiajn problemojn, tiuj planadoj estis rigardataj, jam dekomence, ne kiel utopiaĵojn, sed kiel objektivan idealismon avidan je pozitiva agado.

Male, konjekti ebla la funkciadon de iu eŭropa federalismo bazita nur sur entelekio de simpla kaj homa interfratiĝo sentimentala, senkonsidere de realaj ŝtataj problemoj, estas subteni nur revon, ĉar mankus en tio la dinamiko kiu, almenaŭ en la nuntempo, pro enradikiĝintaj strukturoj, estas la ĉefa motoro kapabla movigi la mondon kaj la racian prosperon: tio estas, la ekonomio, laŭ administrado de iu teorio pli-malpli adoptita de politika konceptado. Sed mi ne volas nek deziras malestimi per tio, i. a., la agadon de la Universala Ligo, nek similajn. Sed ni konstatu kial la Eŭropa Ekonomia Komunumo de Okcidento estas jam realaĵo plenevidenta, surbaze de iu formo kapitalisma, laŭ la strukturo de iliaj respektivaj landoj.

Antaŭ pli ol dudek jaroj, bonintenca junulo, Garri Davis, ŝatis sin nomi "mondcivitano", kaj li provis migradi, spite landlimojn, propagandante sian idealon, kiu eble estis bonintenca. Sed ĉar mankis al li la koncepto de realismo akorda kun la cirkonstancoj tiamaj (kaj nunaj), neniu ŝtato bonvenigis lin, nek faciligis lian propagandan pilgrimadon. Kaj fine, post multaj arestoj li devis demeti de sur siaj ŝultroj la tornistron, kaj ne plu utopiadi antaŭ feraj konvencioj.

Lastatempe aperis sur nia malfeliĉa terglobo la kontraŭkulturo de la "hippioj". Laŭ vidpunkto filozofia kaj kontestema, ili pretendas kontraŭstari socion plenan je hipokriteco kaj absurdaj tabuoj. Sed ili, almenaŭ la plimulto, ne agadas laŭ kontraŭa, atesta kaj perfekta maniero, sed laŭ neado eĉ de tio, kio estas necesa por konstrui perfektan kaj progreseman socion, ĉar ili enkondukas kontraŭnature, pli-malpli evidente, perforton kaj detruon de gravaj akiritaj valoroj kaj trezoraj atingoj de la monda civilizacio.

Jam antaŭe, estis la naturisma filozofo Lanza del Vasto, kiu pretendis similakuzadon, sed adoptante laŭdindajn moralajn kaj naturajn leĝojn. Tiucele li, kaj liaj adeptoj kaj disĉiploj, retroiris memvole al praaj epokoj de nia civilizacio. Ŝajnas al mi ke ambaŭ pozicioj, do, adoptas utopian karakteron, kvankam la hipioj estas, laŭ mia modesta vidpunkto, preteratentindaj, kaj eĉ foje kondamnindaj. Kaj, male, Lanza del Vasto estas admirinda pro sia spirito de bonintenca perfektiĝado homa laŭ natura leĝo kaj pro sia prizorgado spirita. Resume: estas tute ebla la ekzisto de iuj utopioj negativaj kaj aliaj pozitivaj.

La iama idealismo de Zamenhof, de kiam li estis infano en sia naskiĝurbo Bjalistoko kaj li revadis pri komuna neŭtrala lingvo kapable forigi tiun babelĥaoson kiu fontis el la daŭra kaj instiga motivo de enurbaj sangaj intergentaj kvereloj, tiu idealismo, posedis, evidente, karakterizon pli utopian ol realisman. Sed kiam li, tra la jaroj, plimaturigis objektive kaj praktike sian ideon, kaj orientis pli logike kaj racie sian projekton, tiam li ekstaris ja sur firma roko de idealismo kapabla doni plej naturajn, maturajn kaj konsekvencajn fruktojn.

Sed nur pretendi ke per la sola rimedo de komuna lingvo neŭtrala ĉiu popolo fine ĉesos batali politike, forgesante definitive historiajn antecedentojn, estas vane utopiadi. Ni forigu tiujn iluziojn: la lingvo Esperanto per si mem ne estas sufiĉe kapabla sanktigi fihomojn kaj amikigi rivalajn landojn. Ĝi ne estas kiel talismano, nek posedas sorĉan forton. Sed ni bone scias kian gravan rolon Esperanto kapablas ludi en mondo bezonanta pacon kaj interkompreniĝon, je servo de naturaj homaj rajtoj.

Tiu granda konkreta realaĵo kiu estas Esperanto — ĉar ĝi dum 85 jaroj pruvis, laŭ eksterordinara mezuro kaj plej efektiva spertiĝo, sian efikan kaj racian potencan rimedon forigi la establitajn lingvajn barojn, dum ĝi estas kapabla krei, krome, mirindan beletran kulturon, ĝi estus, Esperanto, eĉ kun tiu plena kreipoveco, iu forestiminda utopio, se ĝi cele kaj obstine pretendus anstataŭigi, flankenŝovi, la mondlingvojn, por tiel starigi sin kiel unusolan regantan idiomon. Jen, do, kiel sana idealismo povus aliiĝi en utopion.

Do, estas evidente, ke sama perfekta ideo povas esti, aŭ, feliĉe, ne esti, simpla utopio, laŭ specifa celo, same kiel ne ĉiu bonintenca, morale akceptebla

kaj ankaŭ plene realigebla revo idealisma, povas atingi, bedaŭrinde, kulminon de praktika kaj disvastiĝinta sukcesa evento. Kun ĉagreno ni tre ofte spertas tion dum la vivo.

Ni, esperantistoj, konstante baraktas kaj laboras por ke Esperanto povu levi sian helan torĉon de bonfaremo kaj de praktika helpo kultura. Sed tio, ĝis nun, ne povis plene realiĝi, bedaŭrinde, laŭ niaj ardaj homaranaj deziroj. Jen, do idealismo kiu ne povas plenrajte suvereni, precipe pro du gravaj, plej evidente, forte enradikiĝintaj kaŭzoj, kiuj estas, unue, la nedresebla orgojlo nacia —kaj persona—, kaj, due, la nekonfesindaj ĉie subtenataj interesoj.

Ĉu Esperanto nun trapasas pli aŭ malpli favoran epokon por ke ĝi fine povu allogi pace la mondon, proponante necesan lingvan solvon? Certe, la Internacia Lingvo neniam ĉesis progresi kaj evolui favore de sia propra pliriĉiĝo kaj laŭ la ritmo de la kreskanta kulturo tutmonda. Sed ni, eĉ forskuante pesimismon, devas agnoski la neeviteblan fakton ke la angla lingvo, pro la ĵusa membriĝo de Britujo al la rondo de la Eŭropa Ekonomia Komunumo, trudos neeviteble sian evidentan prestiĝon, malfavore, tutcerte, al la franca, kiu ĝis nun, en tiu ekonomia plurlanda societo, rangis je honora unua loko. Do, neeviteble pliiĝos de nun, tie, la plurlingvismo. Kaj ni, ve! nur povos revadi, volenevole, pri la lingva avantaĝo, kiun Esperanto povus ludi en tiu ekonomia komuna merkato.

Kaj ankaŭ en Hispanujo, en nia lando, la afero favore al Esperanto komplikiĝos neeviteble. Kiam post du-tri jaroj oni eble aprobos kaj enkondukos fine la novan Ĝeneralan Leĝon pri instruado, la angla estos devige instruata en ĉiu elementa lernejo de la tuta lando, laŭ postulo de ellernado. Ni, esperantistoj, bone antaŭscias ke tio ne solvos por la hispanoj la lingvan problemon je skalo eŭropa aŭ tutmonda, malgraŭ ke la angla pli kaj pli disvastiĝas en la nuntempo. Ĉu, do, tial malkreskos la intereso plue lerni Esperanton? Pli brave ol ĝis nun ni devos propagandi kaj disvastigi la unikan kaj racian lingvan solvon, kaj tiel doni plejevidentan ekzemplon kaj ateston. Se la cirkonstancoj prezentiĝas al ni kiel kreskanta obstina kontraŭstarado, ni devas trovi la konvenajn rimedojn, ĉar ni ne enviciĝas en utopia movado.

Kaj, ĉu estas eble ke iu konscia idealisto, povas esti nur simpla utopiisto? Ho, jes, foje. Zamenhof mem, sublima idealisto laŭ plej bona senco de la vorto, estis samtempe la kreinto de vera utopio bonintenca, kiu neniam kapablis serioze prosperi, malgraŭ la klopodado de ĝia aŭtoro. Mi aludas al lia pseŭdoreligia planado nomata de li, Hilelismo. Li estis, kiel kreinto de plej perfekta internacia lingvo, homo nature amanta la justecon, la homajn rajton, la pacon kaj la tutmondan interkompreniĝon. Per sia genia intuicio li celis solvi racie la lingvan ĥaoson, kaj vere li elpensis la plej perfektan solvon: Esperanton. Kaj paralele li deziris unuigi la mondon malamikan kaj interbatalantan pro plej diversaj dogmoj aŭ devojiĝoj religiaj. Per la Hilelismo li unue intencis revivigi la kredon kaj rasan spiriton de la judoj disvastiĝintaj tra la tuta mondo, kies Mosea kredo troviĝis tiam jam en grava krizo.

Sed poste li ambiciis, pro fiasko de tiu unua intenco, kunfandi ĉiun religion, kaj eĉ altiri liberpensulojn, sub universalan kodon aŭ dogmaron de moralo, kiu egalvalorus al tiuj diverskredaj. Hilelismo prenis poste la nomon de Homaranismo, sed ĝi estis ja mortinta infano jam antaŭ sia naskiĝo, malgraŭ kelkaj fidelaj kaj bonintencaj adeptoj kaj aliaj, kiuj ankoraŭ vegetas. Zamenhof estis, kiel ĉiam, noblanima. Hilelismo celis esti ponto inter la religioj, same kiel Esperanto estas ponto inter lingvoj. "Regu nur lingvo kaj religio neŭtrale homaj." Jen vortoj de ĝia aŭtoro.

Kaj mi volas fini ĉi tiujn malkoneksajn ideojn prezentante negativan aspekton de bona, enkondukinda idealismo. Mi aludas al tiu idealismo, kiu nur serĉas sian propran kontenton, sed ne direktiĝas al agado serioza kaj al konstanta laborado progresema. Jen la simpla memkontenteco kiu rifuzas la senĉesan strebadon, la organizadon de efika laboro kaj adaptiĝo al novaj cirkonstancoj, por tiel konstante varbi adeptojn kaj ankaŭ doni evidentan ekzemplon de prospera vivanteco antaŭ tiuj, inter aliaj, kiuj ankoraŭ ne sentis sin altiritaj de tiu pruvita mirinda idealo nia.

Alia kritikinda idealisma aspekto, laŭ persona konstato mia, estas la troa elmontriĝo de eksteraj signoj, kiuj ofte nur kamuflas personan malplenecon, aŭ ridindigas nian seriozan, sanktan idealon. Jes: ofte evidentiĝas en nia mo-

vado, ekzemple, ke ne ĉiam tiuj respektindaj samideanoj, kiuj plej malavare kaj parade elmontras flagojn, insignojn kaj aliajn okulfrapajn evidentaĵojn, estas tiuj, kiuj plej sincere kaj efike laboras sur fundamento kaj perfektiĝo lingva. Ĉu ili estas tiuj, kiuj ankaŭ dum la prelegoj aŭ kulturaj solenaĵoj, okaze de naciaj aŭ universalaj kongresoj, restas indiferente ekstere en la koridoroj krokodilante?

Ni, esperantistoj, fiere konfesas profundan idealismon, ĉar la zamenhofa kreaĵo neniam aspektis kiel simpla bagatelo, banalaĵo aŭ utopio, kiel ni jam diris. Dum la jaro 1972-a, laŭ mota titolo Internacia Libro-Jaro, Esperanto konfirmis denove sian realaĵon dirante "jes" al tiu grava kultura afero, ĉar la bibliografio Esperanta estas evidenta pruvo ke la movado funkcias, kaj ke ĝi ne staras sur sabla utopiado. Esperanto baziĝas, evidente, sur firma karakteriza roktavolo de scienca kaj beletra kulturo. Grandaj leksikonoj kaj fakaj vortaroj atestas tion, apud la plej diversaj ĝeneralaj verkoj kaj la elmontriĝo de kreipova originala literaturo kaj la titoloj de plej famaj naciaj verkoj universalaj esperantigitaj.

Nia idealismo, do, estas kiel ora honorblazono, kaj ni renovigas ĝin, ĉiujare, i. a., okaze de iu glora rememorinda dato: la 15-a de decembro, naskiĝtago de iu profeta revemulo: L. L. Zamenhof.

---

## LA KONGRESA JARO RIĈA JE E-GEEDZIĜOJ TIU NIA ESPERANTO ESTAS VERE EDZPERANTO



Denove unu esperantista geedziĝo, sed ege pli interesa ol la ĝisnunaj: la 20-an de januaro geedziĝis en Sarajevo, la urbo de la 29-a Internacia Junulara Kongreso, okazonta 21-27.VIII, s-ano Miro Hadĵihasanoviĉ, diplomita inĝeniero pri elektrotekniko, kun hispana s-anino Asunción Ferrer Hervas, studentino. La junaj geedzoj konatiĝis en 1970 dum la U.K. de Esperanto en Vieno.

Ŝia kunatestanto dum la geedziĝa ceremonio estis maribora s-ano kaj konata junulara esperantista aktivulo Janez Zadrevec, cetere ŝia bofrato (li edziĝis antaŭ nelonge kun ŝia fratino en La Laguna, Kanariaj Insuloj). Nun la fratinoj vivas en Jugoslavio: unu en Maribor, la alia en Sarajevo. Laŭ nia scio ĝi estas la unua E-geedziĝo en Sarajevo, sed ĉu estos la lasta!? Certe ne ĉar denove dum la junulara kongreso okazos konatiĝoj, enamiĝoj kaj post tio geedziĝo(j)! Al kiu venos la vico nun?

Sed ankoraŭ unu kuriozaĵon en vian orelon: Miro estas membro de la kongresa preparkomitato, kaj nun la komitaton eniris ankaŭ plaĉa hispanino Asuncion. (M. Ĝ.)

Organizita de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio
en kunlaboro kun la Grupo Esperantista de Bilbao



Kastelo de Butrón

La antikva "Merindad de Uribe" eble estas la plej pitoreska el la diversaj "merindades" kiuj konsistigas la gravan provincon Vizcaya. Ĝi prezentas marbordan fasadon laŭlonge de la enfluejo de Bilbao kaj la Kantabrika Kornico ĝis San Juan de Gaztelugache. Apud la enfluejo, Deusto kaj Erandio, kvartaloj tre viglaj de aktiva industrio kaj komerco. Lejona, Guecho kun siaj loĝokvartaloj de Las Arenas, Neguri kaj Algorta. En Las Arenas elstaras la fama Ponto de Vizcaya. Sekvas Berango, Sopelana, Urduliz, Plencia kaj Górliz, tipaj vilaĝoj kun bonegaj plaĝoj tre allogaj por somerumi.

La interna zono de la "Merindad de Uribe" estas sinsekvo de eklogaj pejzaĝoj. En belega loko, survoje de Plencia al Munguia, fiere kaj majeste elstaras la Kastelo de Butrón, kiel vivanta atestilo de pasintaj gloro, povo kaj arto.

Proksime al Plencia, la haveno de fiŝkaptistoj de Arminza estas fama pro siaj palinuroj. En ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, oni intencas konstrui atoman centralon.

En Baquio la ermitejo de Sankta Pelayo estas vera juvelo de romanika-vizcaina stilo de la XIII-a jarcento... Apud la kvartalo Sankta Pelayo, la roko de Gaztelugache, unuigita al la tero per ŝoseo en marborda sektoro impona kaj brava.

Bedaŭrinde la Renkontiĝo daŭras tre malmulte, kaj ni ne povos viziti ĉiujn belaĵojn de Vizcaya kaj ĝia ĉefurbo Bilbao.

I. G.

Merindad = Jurisdikcio de la Merino.
Merino = Juĝisto de difinita teritorio.

PROGRAMO POR LA TRI-TAGA ARANĜO

29.6.1973. Je la 19ª horo, Akcepto de la partoprenantoj en la sidejo de Grupo Esperantista de Bilbao, kiu invitos nin per teatra prezentado kaj lunĉo.

30.6.1973. Je la 9,30ª horo, Simbola sangdonado en la Civila Sankta Hospitalo de Bilbao. Oficiala Akcepto en la Urbodomo.
14ª horo, Komuna tagmanĝo.

16,30ª horo, Vizito al la Historia Muzeo de Vizcaya.
Vizito al la Internacia Specimen-Foiro.
Komuna vespermanĝo.

1.7.1973. Tuttaga ekskurso vizitante: Kastelo de Butrón, Baquio, Bermeo, Santimamiñe kaj Guernica. Tagmanĝo en Guernica.

| | | |
|---|---|---|
| Prezo: Ĉiu komuna manĝo en Bilbao ... ... ... ... ... ... | 120,— | pesetoj |
| Tagmanĝo en Guernica ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 300,— | " |
| Aŭtobuso por la ekskurso ... ... ... ... ... ... ... | 130,— | " |

Kiu ekskursos per propra aŭtomobilo ne pagos la aŭtobuson por la ekskurso.

Bonvolu averti nin, ĉu vi bezonas lokon en la aŭtobuso aŭ ne.
Loĝado en hoteloj. Prezo de loĝado, la kutima laŭ kategorio.

Adreso: Hispana Turisma Esperanta Sekcio, ĉe Inés Gastón, Paseo de Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA (Hispanujo).

Grupo Esperantista de Bilbao, str. Barrencalle Barrena, 7. BILBAO (Hispanujo).

La Hispana Turisma Esperanta Sekcio rezervis en 1ª-klasa Hotelo, loĝejon por kiuj deziros loĝi kune. Prezo po persono, en dulita ĉambro 300 pesetoj ĉiutage. La prezo inkluzivas tranoktado kaj matenmanĝon.

---

## MEMORIA-RESUMEN DE LA LABOR REALIZADA POR LA FUNDACION «ESPERANTO» Y DEL ESTADO DE FONDOS DE LA MISMA

Bajo el patrocinio de la Federación Española de Esperanto y al amparo del artículo 31 de su Reglamento, fue instituida en Zaragoza, una Fundación con carácter benéfico-docente, que lleva el nombre de Fundación "ESPERANTO" y que tiene su domicilio en Zaragoza, en el de la Secretaria, Paseo de Marina Moreno, 35, 4.º derecha.

El objeto de la Fundación es la creación de premios y toda clase de estímulos para la enseñanza y difusión del Esperanto, habiendo sido aprobada su clasificación como benéfico-docente, por el Ministerio de Educación y Ciencia, con fecha 8 de abril de 1969, según comunicación de dicho Ministerio, cuya fotocopia se acompaña.

La dirección y administración de la Fundación está confiada a un Patronato compuesto por los siguientes señores:

Presidente. — D. Angel Figuerola Auque, Presidente de la Federación Española de Esperanto, con domicilio en Madrid, calle de Víctor de la Serna, 19, 7.º izqda.

Secretario. — D.ª Inés Gastón Burillo, con domicilio en Zaragoza, Paseo de Marina Moreno, 35, 4.º derecha.

Administrador. — D. Víctor Ortiz Gratal, Directivo de la Federación Española de Esperanto, con domicilio en Zaragoza, Paseo de las Damas, 35, 4.º derecha.

Patronos. — D. Rafael Herrero Arroyo, con domicilio en Valencia, calle de Calvo Sotelo, 11, 8.º.

D. Giordano Moya Escayola, Directivo de la Federación Española de Esperanto, con domicilio en Tarrasa (Barcelona), calle Balmes, 38.

Excmo. Sr. D. Miguel Sancho Izquierdo, con domicilio en Zaragoza, calle Torre Nueva, 30, 1.º.

D. José María González Aboín, Directivo de la Federación Española de Esperanto, con domicilio en Madrid, calle de Marqués de Urquijo, 19.

## LABOR REALIZADA

Dado que las posibilidades económicas de la Fundación "ESPERANTO" son pequeñas, la labor realizada por la Fundación queda resumida en la palabra: Concursos.

En 1970, se convocó el primer Concurso con carácter literario, el tema fue la traducción al Esperanto del cuento asturiano "El milagro del Cura" de Alfredo Villa y Villa, quedando desierto el Concurso por la baja calidad de los trabajos presentados.

En 1971, se volvió a convocar un Concurso, también literario, para la traducción al Esperanto del capítulo titulado "La Fiesta" de la obra "Los Pueblos" de José Martínez Ruiz (AZORIN). Esta vez los esperantistas españoles respondieron a la convocatoria presentando trabajos que superaron a lo que se tenía previsto, por lo que se consideró oportuno aumentar un premio; siendo tres en lugar de dos los premios que se otorgaron.

Fueron premiados los trabajos de los señores:

Miguel Miravé Díaz, de Zaragoza.

Salvador Gumá Clavell, de Reus (Tarragona).

Vicente Hernández Llusera, de Sabadell (Barcelona).

En 1972, el Concurso se ha convocado para premiar la labor callada y continua de quienes se dedican a la enseñanza y divulgación del idioma internacional, el premio otorgado ha sido una donación hecha por D. Miguel Sender Brota a este fin.

Este año el premio se ha adjudicado a D. Eleuterio Moreno García, de Málaga, por su desinteresada y eficaz labor en pro de la enseñanza y difusión del Esperanto.

Hasta aquí el resumen de la labor realizada. Labor que aun siendo modesta ha servido para estimular a los esperantistas, ya que son varios los Grupos que se han interesado este año por si volverá a haber o no, Concursos Literarios, y también por si se concederán premios a los alumnos. Los Concursos Literarios son necesarios para el ejercicio en el uso correcto del idioma, y para que de este modo puedan prepararse buenos profesores de Esperanto.

## ESTADO DE FONDOS DE LA FUNDACION "ESPERANTO"

La Fundación "ESPERANTO" quedó establecida en junio de 1969, teniendo su depósito de valores y Libreta de Ahorro Ordinario, N.º 286247, en la Caja de Ahorros y Monte de Piedad de Zaragoza, Aragón y Rioja. En este tiempo los fondos de la Fundación han aumentado por donaciones de los siguientes Títulos:

3 Títulos serie C: 81. 544/46 DEUDA 4 % PERPETUA INTERIOR, 1951.
Valor nominal: 30.000 pesetas.

2 ACCS. FUERZAS ELECTRICAS DE CATALUÑA, 148.619/19.
Valor nominal: 10.000 pesetas.

1 ACCS. FUERZAS ELECTRICAS DE CATALUÑA.
Valor nominal: 1.000 pesetas.

5 ACCS. TELEFONICA NACIONAL DE ESPAÑA, 30.479.122/3 - 35.678.740/42.
Valor nominal: 2.500 pesetas.

1 ACCS. TELEFONICA NACIONAL DE ESPAÑA.
Valor nominal: 500 pesetas.

---

Queda pendiente de recibir el legado dejado en testamento por D.ª Elisa Ferrándiz, Vda. de Casanovas, que por no haber vendido todavía los herederos la finca que responde a dicho legado, no ha sido hecho efectivo.

En Caja tiene la Fundación 3.969 pesetas correspondientes al 5 % del saldo activo de la cuenta general de la Federación Española de Esperanto, año 1969, y de la cuenta del Servicio de libros, años 1970 y 1971.

Zaragoza, a treinta y uno de diciembre de 1972.

Firmado: *Inés Gastón*
Secretaria de la Fundación "ESPERANTO"

Laŭron al Marjorie Boulton pro ties *Elementaj principoj pri recenzado* aperinta en THE BRITISH ESPERANTIST, marto 1973. Kompreneble, oni ne povas absolute konsenti kun ĉiuj ŝiaj opinioj, sed ĝenerallinie temas pri legindaj, pripensindaj, seriozaj —kaj sekvindaj— tezoj.

Ne eblas komenti ĉi tie ĉiun paragrafon de ŝia interesa artikolo, sed mi deziras aparte mencii jenon:

"Unu grava manko ĉe esperantaj recenzoj, kiel ĉe multaj alilingvaj recenzoj, ne estas la kulpo de la recenzisto: spacomanko... ligite per limo de cent kvindek aŭ eĉ cent vortoj, oni nepre ne povas recenzi; oni povus nur aprobe aŭ malaprobe mencii (Ankaŭ la redaktaro de *Esperanto* ne kulpas; li ne disponas pli grandan spacon por recenzoj)."

Principe, ŝi pravas; sed mi opinias, ke tiun limigitan spacon oni devus disdividi proporcie al la gravo de la recenzotaj verkoj. Mi ne povas kompreni ke, por ekzemplo, al "Amo kaj libero", de Petofi, en eminenta, genia traduko de Kalocsay, oni destinis en *Esperanto* la saman spacon kiel al iu ajn sensignifaĵo. Se oni disponas proksimume ducent liniojn por ambaŭ verkoj, ŝajnas nature kaj juste dediĉi al la unua, ni diru, 175 liniojn, kaj al la dua 25 liniojn. Certe ne estus malfacila tasko al la redaktoro de *Esperanto* apartigi la grenon de la pajlo kaj doni al ĉiu la lokon kaj la spacon meritítan.

Pli sube, Marjorie Boulton diras: "Mi emfazu, ke detaloj pri neologismoj: ita/ata, io/ujo, neatendita verbigo de iu substantivo, unu-du semantikaj eraroj estas relative bagatelaj kompare kun pli grandaj stilaj trajtoj".

Denove ŝi principe pravas. Sed mi ne dirus, ke la —feliĉe jam superita— ita/ata problemo estas bagatela detalo. Ĝi tuŝas la fundamentan strukturon de la lingvo, kaj oni devas zorge eviti, kaj evitigi, la ekziston de du sistemoj, kies diversaj interpretoj de la pasivo donas malsamajn signifojn al la sama ideo, kaj kies paralela uzo tute senvalorigus Esperanton ĉefe en ties aspektoj juraj kaj kontraktaj.

Cetere, en mia karaktero de recenzanto, ne recenzisto, de Esperantaĵoj, mi uzos de nun kiel brevieron la *principaron* de Marjorie Boulton. Ĝi estas tro bona por esti ignorata.

---

Gratulon al la preseja koboldo loĝanta ĉe HEROLDO DE ESPERANTO, pro la grandioza fuŝo, kiun ĝi faris en la unua paĝo de la numero de la 2-a de aprilo 1973: Ĝi tekstas (aŭ "maltekstas"):

*Komuna vojaĝo el Triesto*
*don de la nacia izoliteco, disiganta la po*
al la ĉijara UK en Beogrado estas invitataj ariĝi en Triesto, de kie oni organizos
Asocio, Via Trento, I-34132, Trieste

Se la koboldo de HEROLDO tiel sukcese persistos, certe li faros solidan karieron en la Esperanta beletro. Per ĉi tiu peco li jam montris sian promesplenan kapablon.

---

Same en HEROLDO DE ESPERANTO, sed en la numero de 16 marto 1973, skribas A. Fernández, kiun mi kore gratulas pro lia freŝa kaj plene meritita akademianeco:

"Nova pasio (aŭ manio?) naskiĝis en Usono: atingi eŭforion de liberigita psiko sen uzo de drogoj, kiaj mariĥuano, LSD, haŝiŝo kaj similaj. La adeptoj de tiu sendroga eskapo el nia ĉiutaga realeco sin izolas akustike el la medio per kap-aŭskultiloj konektitaj al speciala encelografia amplifilo. Ĉi lasta kaptas mikrokurentoj sur la kranio de la persono mem kaj transformas ilin en aŭdeblajn signalojn. Laŭdire, ekstazo atingiĝas, kiam la persono sukcesas koncentri sin tute je la ritmo de la tiel nomataj alfaondoj, t. e. je ritmo, kiu spegulas aktivecon de lia propra cerbo. La metodo nomiĝas alfamanio."

Evidente, la homoj ŝatas kompliki al si la vivon. Por atingi ĉiun gradon de "liberigo de la psiko" ekzistas la simpla, sana, tradicia kaj ĉie akirebla botelo da bona vino. Tamen, mi volonte konsentas, ke esti "alfamaniulo" havas ne malgrandan meriton, ĉar tio montras, ke la cerbo de la koncernato funkcias... en mondo, kie ne abundas la funkciantaj pensiloj.

Saluton al la brava, 90-jara veterano dana Hans Madsen! Laŭ EĤO, aprilo 1973, s-ro Hans Madsen "la rusan lingvon fervore studis pere de la lecionoj de la dana radio, kaj li komencis studi ankaŭ la hispanan lingvon, kion li tamen lasis, ĉar li trovis ĝin tro facila".

Se li esperantistiĝis, tio signifas, ke li trovis Esperanton pli malfacila ol la hispana, do kial ni ne proponas la hispanan kiel internacian lingvon, tial ke ĝi estas eĉ nestudinde facila? La vortoj de s-ro Madsen kreas en mi veran minuskomplekson, ĉar mi, denaska hispanlingvano, ne plene regas mian lingvon malgraŭ ĝia facileco. Eble mi devos esplori, ĉu ankaŭ mi apartenas al la granda grupo de la "senkurentaj nealfamaniebluloj".

---

En la sama numero de la dana EĤO oni rakontas la kazon de Anne-Lise:

"29-jara, ŝi eksedziniĝis pro duobla laboro. Estis ŝia tasko zorgi pri la infanoj Keith 7-jara kaj Michelle 6-jara. Sed ŝi devis ankaŭ purigadi, kuiradi, fari lavadon kaj ĉiel komfortigi la familion. —La ĉefa kaŭzo, ke mia edzo kaj mi malsukcesis estis, ke ĉiujn laborojn en la hejmo devis fari mi. Mia edzo ne helpis. Li estis edukita laŭ la malnova idearo, ke la virinoj faras la mastrumadon.

"Kiam Anne-Lise estis edzino, ŝi ofte estis sola kun la infanoj en la hejmo, dum la edzo eliris kun siaj kamaradoj. —Hodiaŭ mi ne havas tiun problemon. Post enlitigo de la infanoj mi ofte eliras. Mi havas vartistinon, kiu kostas al mi ĉirkaŭ ducent kronojn monate. Du fojojn semajne mi vespere laboras en junulara klubo. Tie Keith kaj Michelle kunestas. Kaj ni ĉiuj tri partropenas subakvan naĝadon unu fojon semajne. Kiel eksedzino Anne-Lise havas duoblan laboron. Dum la tago ŝi estas librotenistino kaj vespere kaj semajnfine necesas purigadi, fari lavadon kaj kion krome sin trudas.

"—Ne estas, kompreneble, facile esti sola kun la infanoj. Sed ŝajnas al mi, ke mi estas nun pli harmonia, ol kiam mi estis edzino kaj devis atenti ankaŭ pri edzo. Esti sola kun du infanoj devus laŭ multaj homoj esti granda pezo. Sed ankoraŭ pli malfacile estis, kiam mi havis tri infanojn, nome mian edzon kaj krome Keith kaj Michelle."

Mi estas absolute mir-trafita de la speciala logiko de Anne-Lise. Antaŭe ŝi nur mastrumis la hejmon kaj zorgis pri la familio. Post la eksedziniĝo ŝi ankoraŭ mastrumas la hejmon, zorgas pri la familio, minus la eksedzo, kaj krome laboras eksterdome kaj pagas salajron al vartistino. Ĉu tio signifas por Anne-Lise malpli da laboro? Ŝajnas, ke, kontraŭe, ĉiujn avantaĝojn de la nova situacio rikoltis la iama edzo: lia respondeco rilate al liaj infanoj kaj hejmo evidente preskaŭ aŭ tute malaperis, li povas eliri laŭplaĉe kun siaj kamaradoj —aŭ kamaradinoj— kaj ĉiurilate ĝuas pli da libero ol lia eksedzino. Se Anne-Lise pensas ankoraŭ, ke por vivi pli komforte kaj libere necesas nur forskui de ŝi la familianojn, eble ŝi venos al la konkludo, ke ankaŭ Keith kaj Michelle estas forskuindaj.

Multaj el la tiel nomataj "konkeroj" de la emancipiĝantaj virinoj fakte havas bumerangan efikon, kaj ilia "liberiĝo" havas la kuriozan konsekvencon ankoraŭ pli vastigi la liberecon de la viroj. Sed se Anne-Lise vivas feliĉe kun sia logiko, nenio plu dirindas.

---

Kion oni forskuas tie, oni sopiras ĉi tie. En KONTAKTO, n.º 4, 1972, legiĝas:

"Venezuelo suferas pro manko de edzoj. Nuntempe unu viro tie povas elekti el inter du kaj duona virinoj, se tiel oni ilustru la proporcion. Lige kun tio, la malgranda partio "Nacia Opinio" ekrimarkis sian ŝancon, kiel kapti la voĉojn de virino. Antaŭ kunveno de ĉirkaŭ 100 virinoj, la ĝenerala sekretario anoncis, ke la partio intencas venigi fraŭlojn el Francio, Germanio kaj Hispanio, por ke ĉiuj virinoj en Venezuelo povu akiri edzon."

Kial ne fari inviton ankaŭ al la eksedzo de Anne-Lise? Eble li trovus en Venezuelo virinon, kiu pretus neribeleme mastrumi la hejmon kaj zorgi pri la familio, ĉe la penso ke ankoraŭ alia virino kaj duona atendas sian ŝancon.

Premion kun laŭdo meritas ESPERANTISTO SLOVAKA, numeroj 3-4, 1973, pro la bela kaj grafikeca esprimo entenata en la aserto, ke "en la mondo abundas ankoraŭ «la nestoj kun drakaj ovoj»".

Kaj premion, sen laŭdo, al la plej sensignifa nedirindaĵo ni volonte aljuĝas al s-ro A. Mildwurf, kiu, en SENNACIULO, marto 1973, instruas nin, ke "la sekureco de eŭropaj popoloj estas superege grava por ĉiu, sed speciale por eŭropanoj".

Kaj, kiel kutime, elkoraj salutoj al ĉiuj, ĝis la proksima revu-rikolto.

*Fernando de Diego*

## 58.a Universala Kongreso de Esperanto kaj Oficiala Postkongreso

Beogrado 28. 7 ĝis 4. 8. 1973 — Ateno, 5 - 12. 8. 1973

Vojaĝo organizita de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio en kunlaboro kun la Delegacio de "Viajes Meliá" en Zaragoza.

27-7-73. Barcelono
Forveturo en aviadilo (turista klaso) al Beogrado (per Romo). Transportado en aŭtoĉaro de la flughaveno ĝis la hotelo. Vespermanĝo kaj loĝado en la hotelo.

28-7-73 ĝis 4-8-73. Beogrado
Duonpensiono en la hotelo. Tagoj liberaj por ĉeesto al la Kongresaj solenaĵoj.

5-8-73. Beogrado
Matenmanĝo en la hotelo. Transporto en aŭtoĉaro de la hotelo ĝis la flughaveno. Fosveturo en aviadilo (turista klaso) al Ateno. Alveno al Ateno. Transporto en aŭtoĉaro de la flughaveno ĝis la Studenta Domo.

6-8-73 ĝis 12-8-73. Ateno
Tagoj liberaj por ĉeesto al la solenaĵoj de la Postkongreso.

13-8-73. Ateno
Transporto en aŭtoĉaro de la Studenta Domo ĝis la flughaveno. Forveturo en aviadilo (turista klaso) al Barcelono (per Romo). Alveno al Barcelono.

La loĝado en Beogrado estos en 1.a-klasa Hotelo.

Prezo de la vojaĝo po persono: en dulita ĉambro kun banĉambro: 18.375 ptoj.

Pro lastmomentaj neatenditaj ŝanĝoj, ni devis reorganizi la vojaĝplanon, aldonante du pliajn tagojn. Do, en Beogrado ni restos 9 tagojn anstataŭ 7.

La loĝado en Ateno estos en la Studenta Domo, kie okazos kelkaj aranĝoj de la Postkongreso. La loĝadon en Ateno ni devos pagi rekte en la Studenta Domo, tuj post alveno.

Informoj kaj aliĝoj; en Hispana Turisma Esperanta Sekcio, ĉe Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.o dcha. Zaragoza - Hispanujo.

# *ESPERANTISTO*

# *KAJ REKORDULO*



La dekan de la pasinta marto havis lokon en Zaragoza la tiel nomata Sportomaĝa Festo, kiun oni celebras ĉiujare por, interalie, elekti la paron da gesportuloj de la provinco Zaragozo plej sukcesaj kaj meritaj en la sportaj eventoj de la antaŭa jaro.

Inter pluraj gekandidatoj oni voĉdone elektis fraŭlinon Marta de la Peña Barba, elstara figuro de slalomo, kaj s-ron Gustavo Adolfo Marqueta Siibert, dudek-dujara, denaska esperantisto, filo de niaj gesamideanoj Pedro Marqueta, hispano, kaj Flora Siibert, estonino.

Gustavo Adolfo, atleto de salto en alto, estas nuntempa ĉampiono de Hispanujo, titolo, kiun li gajnis la pasintan jaron. Krome li intervenis, en 1972, en ĉiuj internaciaj konkursoj de salto en alto, en kiuj Hispanujo oficiale partoprenis. En la dirita jaro li akiris al si plurajn sukcesojn interalie la rekordon, per salto de 2,02 m., en la universitata konkurso nacia; la rekordon, per salto de 2,07, en la ĝenerala konkurso hispana; kaj la rekordon, per salto de 2,11 m., en la renkontiĝo internacia Finnlando-Anglujo-Hispanujo.

Gustavo Adolfo Marqueta Siibert, plej bona sportulo de la provinco Zaragozo en 1972, renkontis per Esperanto multe da samideanoj kaj amikoj en tre diversaj landoj, interalie Norvegujo, Bulgario, Polujo kaj Finnlando. Stipendiita de la Hispana Federacio de Atletiko, li studas biologion ĉe la universitata fakultato de natursciencoj.




**Jen la bela stilo de nia samideano**

## 33ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de H.E.F., okazonta en Madrid
de la 20ª ĝis la 24ª de julio 1973ª

Adreso de la Organiza Komitato:
str. Rodríguez San Pablo, 13, 3.º, desp. 7. MADRID.

## 58ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Beograd (Jugoslavio) de la 28.7 ĝis la 4.8.1973

Sub la Alta Protektado de la Prezidanto de SFR. Jugoslavio, Josip Broz Tito

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

Statistiko (20.3.1973).

Aliĝis entute 897 personoj el 37 landoj (32 hispanoj).

Konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam 3002, Nederlando.

## 26ª INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Tarragona (Hispanujo) de la 11ª ĝis la 17ª de julio 1974
Sub la Protektado de F.I.S.A.I.C.

Informoj kaj aliĝiloj estas senpage riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe S-ro Ramón Giménez Feliu, Ronda de San Antonio, 46-50, 2.º, 4.ª. BARCELONA - 11 (Hispanujo).

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. -375 - 36